2.ª Ep. AÑO VIX N.º 48 (184) MARZO - ABRIL 1971




DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO

# 31° HISPANA KONGRESO DE ESPERANTO

Alicante - Urbodomo

**BOLETIN DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO**

*Director:*
Domingo Martínez Benavente
*Redacción y Administración:*
Inés Gastón
Paseo Marina Moreno, 35, 4.°, dcha.
ZARAGOZA

*ADRESOJ*

Hispana Esperanto-Federacio:
Prezidanto:
S-ro Angel Figuerola Auque
Str. Víctor de la Serna, 19, 7.°
MADRID-16

Generala korespondado:
Sekretario:
S-ro Manuel Figuerola Palomo
Str. Víctor de la Serna, 19, 7.°
MADRID-16

Monsendoj:
Kasisto:
S-ro Raimundo Ibáñez Crespo
Str. Princesa, 78, 2.°
MADRID-8
Ĉekkonto: N.° 24.692/10,
Banco Ibérico
Avda. José Antonio, 18
MADRID-14

Sendaĵojn pri statistiko kaj informado al:
S-ro Salvador Aragay
Str. Bassegoda, 40, 3.°, 1.ª
BARCELONA-14

Libroservo kaj Eldona-Fako:
F-ino Inés Gastón
P.° Marina Moreno, 35, 4.°, dcha.
Ĉekkonto: N.° 17917, Banco Bilbao
Coso, 31 ZARAGOZA

Jarkotizo por eksterlando: 120 ptojn.



## de Secretaría

DONANTES DEL FONDO DE ADQUISICION LOCAL EN PROPIEDAD (F.A.L.P.)

| | | |
|---|---|---|
| *Suma anterior* ... | 44.500 | ptas. |
| Gerardo Flores Martín ... | 2.000 | " |
| Marcelina Palomo Herrero de Figuerola ......... | 500 | " |
| Jaime Miró Giné ........... | 500 | " |
| Vicente Santamaría Llorens ........................ | 500 | " |
| Desamparados Olmos Villalba ..................... | 500 | " |
| Angel García Brañanova . | 500 | " |
| Manuel Ruiz Maza ......... | 600 | " |
| | 49.600 | " |

Madrid, 21 de febrero de 1971.
*Manuel Figuerola Palomo*
Secretario de la Federación Española de Esperanto

## deziras korespondi

HISPANUJO. — Zaragoza, Paseo Marina Moreno, 14, 3.° dcha. Rafael Gastón, knabo 7 jaraĝa, deziras korespondi kun geknaboj de diversaj landoj.

USONO. — Toledo, Ohio 43609, Onchard Street 1032, S-ro Paul J. Lareau, 29 jaraĝa, deziras korespondi kun esperantistoj el la tuta mondo.

POLLANDO. — Trzebnica D/S1, W. Wroclaw, s.k.r. p. 3, S-ro Leszek Irek deziras gekorespondantojn por siaj lernantinoj, 16-19 jaraĝaj knabinoj.



Mendu jam:

Kiel ĉiujare oni pretigas afiŝojn, poŝtkartojn kaj glumarkojn okaze de la 31ª Hispana Kongreso de Esperanto. Ni esperas ke ilin ni povos dissendi je la komenco de Aprilo, sed ni povas noti —por rapida dissendado ĉiujn mendojn ricevitajn antaŭe—.

Prezo: Afiŝoj 10 ptoj. Poŝtkartoj, 3 ptoj. Folieto 6 glumarkoj, 3 ptoj.

*Habla Alicante*

En los medios informativos de Alicante ha tenido amplio eco el anuncio hecho por las Agencias de Prensa de la celebración del próximo XXXI Congreso Español de Esperanto en esta ciudad. Los periódicos se han apresurado a dar la noticia, e inmediatamente, tanto la Prensa como las Emisoras de Radio locales se han puesto en contacto con el Comité Local Organizador, en la persona de su Presidente don Rodolfo Canet Marín, al que se le han hecho diversas intervius y entrevistas radiofónicas. El señor Canet ha informado ampliamente a Prensa y Radio de las características y finalidad de este Congreso, y los medios informativos han prometido prestar su valiosa ayuda y colaboración para el mayor éxito del mismo.

El anuncio de este Congreso ha despertado vivo interés en la población alicantina y son muchas las personas que aun sin ser esperantistas, se interesan por diversos detalles de su organización, prometiendo muchas de ellas su adhesión y asistencia a cuantos actos y reuniones se organicen.

El Comité Local se siente satisfecho del favorable ambiente que se ha despertado con el anuncio de este acontecimiento entre la población alicantina —tanto de la capital como de la provincia— y confía que esta positiva reacción anime a los esperantistas de España entera y se le dé el realce que se merece a nuestro Congreso.

Se está preparando el programa de actos a celebrar durante el mismo, siendo nuestro deseo que todos guarden un buen recuerdo de su estancia entre nosotros.

Aparte de los actos comunes a todos los Congresos, como son: Apertura y Clausura del mismo, Recepción de los congresistas por las Autoridades, Sesiones de trabajo, Conferencias, Misa en Esperanto, etc., se preparan otros actos, dando a continuación referencia de alguno de ellos:

Concierto nocturno en el Auditorium del Castillo de Santa Bárbara.

Actuación de los Coros y Danzas de la Sección Femenina.

Sesión nocturna al aire libre, proyectándose diversas películas en Esperanto.

Visitas a diversos pueblos de la provincia con recepción por las Autoridades locales y visita a alguna fábrica de los productos típicos de la provincia con degustación de los mismos.

Colocación de una corona de flores en la lápida de la calle Vicente Inglada, famoso esperantista alicantino y gran militar.

Inauguración de la calle Esperanto.

El Comité Local Organizador, deseando ambientar el Congreso en su medio esperantista, insta a todos los asistentes a usar el Esperanto lo más posible dentro del marco del Congreso.

Se recuerda a todos los posibles asistentes, la conveniencia de que envíen lo antes posible sus adhesiones, a fin de poder preparar con la debida antelación el alojamiento de los congresistas.

*El Comité Local Organizador*

## CAMBIOS EN LA JUNTA DIRECTIVA DE H.E.F.A.

Por haber finalizado el período de dos años para el que fue elegida la Directiva de H.E.F.A., en la reunión celebrada el día 28 del pasado mes de diciembre, se procedió al nombramiento de nueva Junta Directiva de esta Sección para el período 1971-1972.

La nueva Directiva, que fue elegida por unanimidad, quedó constituida por los siguientes señores:

PRESIDENTE, don Ramón Giménez Feliu; VICEPRESIDENTE, don José Saladrigas Escofet; SECRETARIO, don Rafael Devis Pascual; VICESECRETARIO, señorita María Teresa Vivas Vázquez; TESORERO, don Evaristo Marcial Gómez; VOCALES (Juveniles), don José Molina García y don Angel Morollón Sánchez; (Organización), don Carlos Virumbrales Carcedo, don Joaquín de la Mata García y don Ricardo Boto Sanz; (Biblioteca), don Gabriel Pérez Lite y don Manuel Gallego Márquez; (Administración), don José María del Pie Hernández.

Asimismo fueron nombrados para ocupar el puesto de miembro en el Comité de I.E.E.F. los señores: don Ramón Giménez Feliu y don José Oliveras Masagué; y para el cargo de Redactor quedó nombrado don José Cerezo Pérez.

En esta nueva Junta rectora hay que destacar la reelección, por un nuevo período, de nuestro Presidente. Esto no significa que en nuestra Asociación no haya candidatos con las cualidades suficientes para desempeñar, con éxito, este cargo, sino que todos los esperantistas y simpatizantes con el Esperanto entre los ferroviarios, reconocen y agradecen la desinteresada y total entrega, aparte de las cualidades, de don Ramón Giménez Feliu para dirigir el Movimiento Esperantista entre los ferroviarios, y su continuada asistencia a los Congresos Internacionales que cada año organiza I.F.E.F. (Federación Internacional de Esperantistas Ferroviarios).

Asimismo nuestro querido compañero y profesor don Rafael Devís Pascual, al que tanto le debemos los esperantistas ferroviarios españoles, al no poder continuar entre nosotros como miembro del Comité de I.F.E.F. (lo impiden los estatutos), presentó su candidatura y ha sido elegido, por unanimidad, Secretario de nuestra Sección; cargo en el cual, estamos seguros, demostrará una vez más su altruismo y cuanto ama al Movimiento Esperantista.

Para ambos, así como para todos los nuevos directivos de H.E.F.A., el agradecimiento, con deseos de éxito, de todos los esperantistas ferroviarios y el mío propio.

JOSE CEREZO

## K L A R I G O

Nia samideano Sro. Miguel Sancho Izquierdo petas de ni, ke ni klarigu, ke, laŭ lia opinio, oni ne bone interpretis lian penson en la traduko de lia prelego en la "Zamenhofa Tago", kiun li faris hispanlingve. Li uzis la hispanan vorton *celda* (ĉelo) rilate al la senornama ĉambro, iel simila al monaña ĉelo, okupita de la Imperiestro post la morto de Sisí. "Karcerĉelo" ne estas adekvata traduko en ĉi tiu okazo, ĉar la Imperiestro estis nek vole, nek nevole, enŝlosita (aŭ malliberigita).

## NOTA DE LA PRESIDENCIA

Con fines estadísticos, se ruega a cuantos hayan leído en la prensa, oído en radio o T.V., o hayan enviado ellos mismos a esos medios informativos artículos o notas durante los meses de agosto a diciembre en relación con el 55 Congreso Universal de Esperanto en Viena, envíen a la Secretaría de la Federación los datos que posean o puedan facilitar en relación a este tema.

*El Presidente de la Federación*
ANGEL FIGUEROLA AUQUE

---

## OMAĜO AL DRO ZAMENHOF OKAZE DE LA 111-a DATREVENO DE LIA NASKIĜO

Kroniko pri la agado de la estraro de H.E.F.

Dum la ĵus pasinta jaro 1970 ni memoris nian majstron:

La Federacio atingis ke oni elsendu tra la antenoj de Radio Madrid en la programo "Vidas apasionadas" la 12-an de decembro tagmeze, la vivon de Zamenhof. Naŭ geaktoroj per siaj voĉoj sciigis al la aŭskultantoj la ĉefajn epizodojn de lia vivo, kaj de la komenco de la internacia lingvo.

La 25-an de decembro per Hispana Televido en la programo "Estudio abierto" oni elsendis intervjuon kun la estraranoj de H.E.F., Sro. Figuerola Palomo kaj Sro. González Aboín. Oni parolis pri la maniero festi la zamenhofan tagon en Hispanujo, pri la fundamentaj trajtoj de la esperanta gramatiko kaj pri la Esperanto-Movado en la tuta mondo. Ankaŭ oni montris esperantajn revuojn, librojn kaj afiŝojn, entute 15 minutojn proksimume.

Oni organizis konferencon en Cheste, en kiu la Prezidanto de H.E.F. parolus pri Zamenhof, sed bedaŭrinde pro teknikaj malfacilaĵoj ne eblis, tamen ĝi estas prokrastita ĝis pli favora okazo.

J. M.ª GONZALEZ ABOIN

---

Katalunujo
la lando bela
ĉarma popolo
forta, ribela

—

min viaj filoj
profunde ĉarmis
viaj filinoj
min frenezigis.

TIFLISANO
(1910)

Transcripción recopilada de memoria de un impreso que circuló, en tamaño postal, con la silueta del autor, allá por el año 1910. (Música de "Carmen".)

Enviado para su publicación en BOLETIN por don José Olivé Ferrando de Lérida.

# "La Dama de Elche"



Multe ni povus paroli pri la iberia kulturo en la provinco Alicante (Alikante); gravaj restaĵoj malkovritaj laŭlonge de la tempo laŭte parolas pri ĝi. La arkeologio ludas gravan rolon en tiu kulturo, sed ni mencios nur unu verkon, kies famo trapasis ĉiujn limojn atingante grandan popularecon: "La Dama de Elche".

Malgraŭ la originaleco de tiu eksterordinara verko, kiu igas ĝin unika, "La Dama de Elche" havas gravajn kontaktojn kun la ceteraj verkoj el ŝtonoj apartenantaj al la iberia skulptarto.

Ordinare oni ĝin konsideras reprezentanto de virino el Hispana Oriento. Estas ja malfacile precizigi la skolon kaj la modelon de tiu fama skulptaĵo, kaj ege malfacile estas scii ĉu la aŭtoro estis greko alveninta al Hispanujo aŭ ibero edukita laŭ la helena skolo.

La skulptaĵo estis malkovrita en la "Loma de la Alcudia" proksime al tiu alikanta urbo, la 4-an de aŭgusto 1897. La Muzeo Louvre akiris tiun juvelon de nia nacia arto. Ĝi estis skulptita en bloko el grejso kaj ĝi elmontras restaĵojn de plurkoloreco. La pompa riĉeco de la juveloj ornamantaj la kapon kaj la kolon de tiu majstro-verko, prezentas azian influon, ĝia stilo estas greka arkaika, la tipo ĝenerale estas indiĝena. Krom tio ekzistas diversaj hipotezoj pri la ekzakta origino de la verko.

---

## SEMAJNO DE INTERNACIA AMIKECO

*ZARAGOZA*

Okaze de la Semajno de Internacia Amikeco oni aranĝis en "Frateco" eksterordinaran kunvenon kun projekcio de koloraj lum-bildoj pri diversaj lokoj, aspektoj kaj pejzaĝoj de Anglujo. La fotojn faris siatempe s-ano Emilio Pérez kaj li mem prikomentis ilin en Esperanto al multaj gesamideanoj, kiuj plenigis la salonon kaj laŭdis kaj admiris la artajn diapozitivojn.

En la 21a de februaro, dimanĉo, la fratecanoj ekskursis al la pinaro de Zuera je 27 kilometroj de Zaragoza. Ilin ricevis nia samideano s-ro Martín Esteban, gardisto de la pinaro, kiu montris al ili la plej pitoreskajn lokojn tieajn. La vetero, suna kaj milda, estis ne malgrava faktoro en la sukceso de la piknika ekskurso, kiu provizis feliĉajn horojn sub la libera ĉielo.

Dume la kursoj de Esperanto daŭras kun ĉiam pli granda nombro da junaj gelernantoj, inter ili kelkaj universitatanoj. La vivo de "Frateco" ĉiuflanken aktiviĝas por la bono de nia afero.

## José Orós Gimeno

La 16-an de februaro forpasis en Zaragoza nia kara samideano kaj amiko S-ro José Orós Gimeno, emerita Supera Administra Estro de la Poŝto, kaj advokato.

Esperantisto de la jaro 1922, multe aktivis en la Esperanto-Movado. Estis Prezidanto de "Frateco" dum diversaj periodoj, ne ĉiam facilaj, kaj, dank' al lia energio kaj persisto, "Frateco" ne interrompis sian funkciadon, eĉ dum la Hispana milito; dum tiu tempo, li, Prezidanto, kune kun la Sekretario ĉeestis ĉiutage en la klubo por efektivigi la vivon de la societo.

Krom lia laboro en "Frateco", li organizis Esperanto-kursojn en la Poŝta Oficejo kaj por geinstruistoj; redaktis "Progreso Esperantista", fondita en 1931 kiel informa bulteno de la Hispana Esperantista Konfederacio; prelegis pri Esperanto en diversaj kulturaj organizaĵoj, kaj ĉiam estis preta helpi ĉies agadon por Esperanto. Lia laboro kiel aktiva membro en la Esperanto-Movado, kulminis kun la organizado kaj efektivigo en Zaragoza de la 15ª Hispana Kongreso de Esperanto en 1954.

Kiam la sidejo de Hispana Esperanto-Federacio estis translokita al Zaragoza, li ĉiam estis en kontakto kun la estraro de H.E.F., kaj efike donis sian apogon kiam ni ĝin petis de li.

PACE RIPOZU!!!

---

## Demetrio Berges Marias

La 29-an de januaro forpasis en Zaragoza nia kara samideano S-ro Demetrio Berges Marías.

Malnova esperantisto, estis tre aktiva membro de la Esperanto-Movado en Zaragoza kie li organizis kaj klarigis plurajn Esp.-kursojn kaj entuziasme propagandis nian lingvon kaj ideon inter la tiea fervojistaro.

Kiam en la jaro 1954 oni reorganizis la Movadon inter la fervojistoj, li apartenis al la organiza estraro de la Hispana Esperanto-Fervojista Asocio.

PACAN RIPOZON AL LI!!!

Por ambaŭ familioj kaj por "Frateco", kiu perdis du el siaj aktivaj membroj, nian plej sinceran kondolencon.

---

## Francisco Gotsens

Jus ni ricevis informon pri forpaso de nia samideano S-ro. Francisco Gotsens de Sabadell.

Entuziasma esperantisto, membro de H.E.F., ĉiam laboradis por disvastigi nian noblan idealon.

PACAN RIPOZON AL LI!!!

Nian plej sinceran kondolencon por liaj familianoj kaj por la Centro de Esperanto Sabadell, kie li aktivis.

*GABRIEL MIRO FERRER naskiĝis en 1879 en Alicante kaj mortis en Madrid en 1930. Studis juron en Valencia kaj Granada, kaj ankoraŭ dudekjara li publikigis du librojn, kiuj montras jam la subtilon kaj denson de lia arto, kaj lian profundan, delikatan sentemon ĉe la diversaj aspektoj de la naturo. Li verkis interalie 'La ĉerizoj de la tombejo' (1911), 'La lepra episkopo' (1925), 'Jaroj kaj mejloj' (1928). La sekvanta fragmento pretendas doni ideon pri la rafiniteco kaj esprimivo de lia stilo.*

## LA APERO

Lante giras la lanterno etendante siajn faskojn da fajra polvo. Kelkfoje iu strigo traas ilin kaj, blindumita de la fulma lum-inundo, resaltas freneze.

Sube tondras la maro, splitiĝas kontraŭ rokaj randoj kaj kavoj de la bordo, flustras al si kaj endormiĝas, patrine kaj etule en la sama tempo, kuŝante sur la pura paco de etaj strandoj.

La tuta ĉielo aperas kiel sal-blanka vasto da lumoj, kiuj ĉe la horizonto banas sin nudaj kaj timaj. Kaj la Lakta Vojo ŝajnas ĵus muelita en la hel-bakejo de la lumturo.

Ruĝa stelo, preskaŭ sur la maro, rigardas min kviete.

Mi venis de bieno en la montaro. Tie la paŝtisto Costra kaj la du aliaj oldaj kampuloj montris al mi per la bastono, kaj per la manoj krudaj kaj grandaj kiel manoj de preĝeja ŝton-apostolo, vilaĝojn kaj padojn de la firmamento. Tiun ruĝan stelon mi ne vidis tiam. Sed okazas, ke tiu stelo sidas pli sube ol la fenestreto de mia litoĉambro.

—Temas, ne pri stelo, sed pri la lumturo de la insulo.

—Alia lumturo! —mi ekkrias tre kontenta. —Du lumturoj tute apudaj!

—Tute apudaj, ne! Unu distancas de la alia je ses mejloj.

—Ba! Ses mejloj signifas nenion!

Tiel mi opiniis. Ses mejloj inter du steloj estus impresinta min kvazaŭ fabela distanco tra jarcentoj. Sesmejla spaco inter du lumturoj egalis al tio, teni ilin en miaj manoj kiel paron da torĉoj.

Mi ekstaziĝis sentante la infanan delicon de mia miro sub la vortoj kaj la milda rigardo de la tur-gardisto. Li estis olduleto kun kalva kranio, kiu impresis fride, kaj kun la rideto kaj la delikataj gestoj de bibliotekisto. Iam li donacis al mi fregaton en skatolo. Ankoraŭ mi konservas ĝin. Li certe helpis al si per dresitaj araneoj por ŝpini la ŝnurojn kaj stajojn; la ŝipeton garnas takeloj kun sia movebla pulio, du ankroj, ses boatoj, la kompasujo kun sia vitra kovrilo, la mastoj kaj la busprito kun siaj veloj ferlitaj, baroka pavezo galiona... Ĉion pacience tajlis la olda tur-gardisto en la soleco de siaj sendormaj horoj, ĉe tiu lampo, kies lumo atingas trans multaj mejloj da ondoj. Kiel ofte mi veturis en tiu fregato, kun la gramatiko kaj la historio inter miaj kubutoj! Nun la ŝipo ne navigas plu. Ĝi lasis min sur la grundon kaj kuŝas senmova en la skatolo, kiel mortinto. Ĉiu ŝnureto, ĉiu garno signifas unu falton en la laca vizaĝo de tiu viro, kiu tiel multe min amis.

—Kaj kial staras du lumturoj tiel apudaj?

—La ĉi tiea rangas inter la plej grandaj de Hispanujo, ĉar ĝi leviĝas sur kabo, kiu same troviĝas inter la plej grandaj. Per tiaj lumturoj la ŝipoj kontrolas sian kurson. La alia turo staras en la insulo, ĉar tie insidas lokoj danĝeraj por la ŝipoj. Mi konas tre bone la insulon.

—Kaj okazas ŝiporompoj? Ĉu mi vidos ŝiporompojn?

Per la okuloj la olda boris min ĝis la koro.

—Antaŭ tri semajnoj dronis la ŝipo *Sicilia*. Ankoraŭ la maro elĵetas kadavrojn de dronintoj. Vi vidos la krucojn de iliaj tomboj.

—Ni iru jam vidi ilin!

La tur-gardisto ne volis. Estis tre malfrue.

Mi enlitiĝis pensante pri la ŝiporompiĝoj, kaj imagis la strandon hirta je krucoj vite torditaj. La ruĝa pupilo de la insulo observis min. Desupre venis la pulsa batado de la lanterna rado. Mi ruliĝis kaj ektimis. En la litoĉambro staris virino en funebra robo. Mi diris en mi: "Temas pri apero. Mi ne dormas kaj vidas figuron en funebro... tio estas do apero!"

Mi apenaŭ timis, ke 'iu' aperas antaŭ mi. Tie staris la spektra virino, kaj mi eĉ kuŝis ankoraŭ en la lito. Sed ĉiam teruris min, ĝis mi sentis angoron, ke iu apero parolus al mi, kaj mi ne povus ĝin kompreni; ĉar tiam mi devus tion diri al ĝi, kaj same ĝi ne komprenus min... Ni rigardus nin reciproke serĉante la penson de la alia, dum la spektro ridus malvarme...

Ridetante, la apero sin turnis al mi. Ĉio komencis, kiel mi time suspektis.

Mi kunpremis la palpebrojn, sed eĉ kun la okuloj fermitaj mi vidis ŝin. Ŝi jam ne plu rigardis al mi; tamen en ajna tuja momento ŝi proksimiĝos, post ol ŝi sentos la batadon vibran kaj duran de mia pulso.

Subite mi vere timis. Okazis, ke mi rekonis la aperon. Temis pri la edzino de la tur-gardisto. Ŝi similis oldan fratinon sian, ŝajnis ŝrumpinta knabino tute arĝenta. La hararo, la okuloj, la lipoj, ĉio palis kaj impresis fride kiel arĝento. Fragila knabino el antikva arĝento.

Ŝi restis atentema, aŭskultante la maron... la foran transon de la maro, kaj poste metis lampon sur la komodon. La lumo frostiĝis sur ŝiaj vangoj, kaj brilo gutis de la konkoj de du egaj maraj moluskoj. Tiam ĉi tiuj du irizaj ĝiboj fikse kaj sinistre min rigardis. Ili prezentis en siaj spiralaj tordoj ian similecon al la teksturo de humida, tenera, viva karno, kaj nuancojn, kiuj subpalpe impresus vilaj kiel oceloj de tigra haŭto. Iliaj perlamotaj makzeloj fende ridis, kaj en la freŝo de iliaj buŝoj komencis volbo da obskuro, sekreto da obskuro disbobeniĝanta kaj kuntiriĝanta kiel enfermita fumo; kaj en la fundo de tiu palato de la konkoj, la ŝelo hostie sorbis la lumon de la lampo.

La eta oldulino prenis unu konkon inter la brakoj kaj observis ĝin; poste inter ridoj kaj ploroj ŝi almetis ĝin al la orelo. Kaj antaŭ ol lasi ĝin, ŝi ĝin kisis en la grimacon de la buŝo kaj eliris silente, tenante alte la lampon kaj rigardante min.

La objektoj artikiĝas kun niaj vivoj, ŝvelas kiel vejno en la cirkulado de la momento, kaj en la loko, kiu nin emocias. Ili apertas la vaston de nia konscio... La nigron de mia litoĉambro sensivigis la egaj konkoj; min posedis la sento pri ilia ĉeesto, pri ilia akompano. Kaj mi diras en mi: 'Mi ne povos plu dormi. La maro zumas, kvazaŭ ĝia bruo elvenus el tiuj konkaj kornoj, kiuj spiras sur miaj frunto kaj okuloj, ĉar al ili alkroĉiĝis la senkolora buŝo de la edzino de la tur-gardisto. Mi prefere ellitiĝu. Se ne, la tuta nokto estus horora...'

Malespere mi apertis la okulojn kaj trovis min inundita de suno, de mara suno; kaj la konkoj, la monstraj konkoj, ŝajnis rekte venintaj el la blua akvo luma kaj glora, por ke mi ĝuu ilian perlamotan, delikatan belon.

Apud mi, la oldulo ridetis kaj mokis min pro mia maldiligento. Mi ĵus vekiĝis, preskaŭ en la tagmeza horo!

—Mi dormis! Kaj mi pensis pri ĉio!

—Pri ĉio?

Kial li faris al mi tiun demandon? Li daŭrigis:

—Ĉu eble okazis, ke vi vidis ŝin? Ne timu ŝin. Mi rakontos al vi la aferon...

Trad. S. O.

---

## LASTMOMENTA INFORMO

Jen informo pri Hoteloj en Alicante.

En nia Kongresurbo estas jenaj Hoteloj:

3 Hoteloj, kategorio 4 steloj.
11 Hoteloj, kategorio 3 steloj.
26 Hoteloj, kategorio 2 steloj.
42 Hoteloj, kategorio 1 steloj.

Do, la prezo de dulita ĉambro, varias laŭ kategorio de 150 ĝis 1.400 ptoj. po nokto, kaj tiu de unulita ĉambro, varias laŭ kategorio de 60 ĝis 650 ptoj. po nokto.

Tiujn informojn ni ricevis en la Oficejo pri Turismo.

*Loka Kongresa Komitato*

PAX AVANT! (PACO ANTAŬEN!)

# LA TRIBOVINA TRIBUTO

La ĉiujara 13-a de julio estas grava dato por la valoj Baretons —hodiaŭ apartenanta al la franca lando Bearn— kaj Errankari —hispane Roncal— de la iama memstara regno Navarra, nun hispana regiono, ĉar, en tiu tago, en la intermonto Hernaz, okazas kurioza solenaĵo, unika en Eŭropo, eble en la mondo.

En la punkto nomata Ŝtono San Martín, landlimo inter Francujo kaj Hispanujo, kunvenas reprezentantoj de ambaŭ komunumoj por efektivigi la tradician ceremonion, kiu koncernas al la ĉiama tributo pagita kaj pagota de la valo Baretons al la valo Roncal. Rito, kies origino perdiĝas en la pratempo kaj kiu en 1975 havos 600 jarojn da dokumentita ekzistado.

Kiam tiom da moroj ŝanĝiĝas kaj maljuniĝas, elpuŝitaj de novaj kutimoj, jen, la Ŝtono San Martín donas al ni instruan lecionon de konstanteco. En tiu eksterordinara mezepokdevena trakto ekzistas io, kio staras super la folklora spektaklo, kiu sin prezentas al la ĉeestantoj: respekto al malnova pakto... al la pasinteco.

Gravaj historiistoj kaj literaturistoj de ambaŭ landoj verkis pri ĝi, kaj —kiel okazas rilate al ĉiu antikva moro— oni povas certe fiksi nek daton, nek devenon, malgraŭ la klopodoj de la folkloristoj. Sendube en la oficejoj de la koncernaj vilaĝoj oni posedis iam la protokolojn aŭ leĝajn dokumentojn; sed la vilaĝaj arĥivoj plurfoje brulis en pasintaj jarcentoj, kaj nenian bazon donas al ni la Historio. Oni devas do ekzameni la diversajn hipotezojn konservatajn de ĝia fratino la Tradicio, pli dubinda, sed pli alloga ol la Historio mem.

Nur lasta-tempe, post gravaj studoj en francaj kaj hispanaj arĥivoj, oni povis fiksi la originon de tiu tributo, laŭ dokumento datumita en 1375.

Kiel pri multaj pratempaĵoj —ekzemple, pri la starigo de Romo— oni povas elekti argumentojn por ĉia gusto: heroajn, aŭ fontantajn el privata tragedio, aŭ el komerca afero.

Du malsamaj heroaj tradicioj ekzistas pri la tributo. Laŭ la unua, ĝi devenas de la Barbaraj konkeroj. Kiam la Kimbrioj aŭ Cimbroj, je la III[a] jarcento antaŭ Kristo, invadis Hispanujon, la Baretonsanoj gvidis ilin tra la montaro. La Erronkarianoj venkis la barbarojn kaj kondamnis liajn helpintojn al ĉiama imposto.



**La turo da manoj**

Dua eposa rakonto malfruigas la aferon je kelkaj jarcentoj. Ĝi prezentas la Baretonsanojn malsukcesintaj venĝantoj de la morto de Rolando.

Plej sanga, sed kun la sovaĝa aromo de pratempa tragedio estas la tria hipotezo, tiu pri terura krimo. Erronkaria paŝtisto mortigis, pro pribestaj disputoj, Barentosanon. La samvilaĝanoj de la mortinto eniris Erronkari-valon, surprize atakis la edzinon de la mortiginto, mortigis ŝin, tranĉis ŝian ventron kaj pendigis de arbo ŝian nenaskitan idon. La Erronkarianoj, plenaj de kolero kaj venĝemo konkeris Baretonson, mortigis, bruligis kaj detruis, kaj revenis en sian valon nur post interkonsento pri la imposto.

Kaj la proza hipotezo rekonas en la tributo nur kontrakton de najbaraj gentoj, kiu permesas al la Baretonsanoj paŝti siajn brutarojn sur la Erronkariaj herbejoj.

La leganto povas, laŭ sia gusto, elekti la plej belan, plej artan aŭ plej verŝajnan hipotezon. Pro tio ni ne diskutu. Nun, la imposto estas oficiale starigita —de post la jaro 1856— de la registaroj de Hispanujo kaj de Francujo, tiel ke la franca prefekto iafoje ne aprobis la buĝeton de Baretons (komunumo de Lanne), pro tio, ke ĝi ne enkalkulis la sumon por la aĉeto de la bovinoj.

Belega estas la scenejo: la montaro apartenas al la nomataj Okcidentaj Pireneoj, sed jam proksima al la komenciĝo de la meza parto aŭ Altaj Pireneoj. Intermonto Hernaz estas je 1.800 metroj super la marnivelo; apud ĝi staras altegaj pintoj: Antularra (france Anié), 2.504 m.; Arlas, 2.062 metroj, pri kiu oni diskutas, ĉu ĝi apartenas al Hispanujo aŭ al Francujo, kaj la "Tablo de la Tri reĝoj" (2.280 metroj), tiel nomata, ĉar ĝi staras en la angulo mem de tri landoj: Aragón, Navarra kaj Francujo, tiel ke foje, laŭ tradicio, la tri iamaj reĝoj kune manĝis kaj interparolis, restante ĉiu en sia regno.

Apud nigrega, timiga kavo, staras la Sankta Martín-ŝtono, sur kiu okazas la ceremonio.

La Erronkariaj viroj portas tipajn vestojn; ilia prezidanto ongarina-on, specon de jako el nigra drapo borderita per helkolora rubando, kun larĝa blanka kolumo. Ĉeestas taĉmento de hispanaj doganistoj, kaj ankaŭ geturistoj, ĉiujare pli multnombraj, malgraŭ la granda distanco, 20,5 km., el Isaba. Feliĉe, nuntempe oni povas alveni per aŭtomobilo ĝis tiu bela loko.

Ĉefan rolon ludas la vilaĝestro de Isaba (ĉefloko de Erronkari-valo), kiun oni nomas "la Prezidanto".

Jen la ordo, laŭ kiu tra jarcentoj kaj generacioj, la ceremonio okazas: unue la Prezidanto diras:

—Sinjoroj, ĉiuj al sia lando.

La tri francaj Baretonsaj vilaĝestroj tuj antaŭenpaŝas dum la publiko atente alrigardas; meze aperas la ŝtono.

Trifoje la Prezidanto laŭte demandas:

—Francoj, ĉu vi venas pretaj liveri la tri bovinojn?

Kaj trifoje la Baretonsanoj respondas:

—Jes sinjoro.

Tiam, laŭ gesto de la Prezidanto, Baretonsano elpaŝas kaj metas sian manon sur la ŝtono, sur tiu mano metas Erronkariano la sian; supre, alia Baretonsano; supre, alia Erronkariano, kaj tiel, alterne, ĉiuj reprezentantoj. La lasta etaĝo de tiu vera manturo estas mano de Isaba vilaĝestro, kiu diras trifoje, kaj trifoje la francoj respondas:

—Pax avant! (Paco antaŭen!).

Ni rimarku, ke la frazo estas internacia. Pax estas nek vaska, nek hispana, nek bearna, nek franca; sed latina vorto. Avant ja estas vorto franca.



**La bovinoj de la Tributo**

Oni demetas la manojn; kaj la Baretonsanoj prezentas brutaron, el kiu la Erronkaria veterinaro elektas tri bovinojn "samfelajn, samdentajn kaj samkornajn".

Tia estas la ĉefa ceremonio; sed, ĉar kuŝas, sur la montoj, paŝtejoj kaj herbejoj komunaj por hispanoj kaj francoj, oni elektas kvar gardistojn, du el ĉiu nacio, kiuj tuj ĵuras fari sian devon. Kaj la reprezentantoj iĝas tribunalo, prezidata de la Isaba vilaĝestro, por trakti la plendojn pri la paŝtistaj aferoj kiuj okazis dum la jaro. La verdikto de la tribunalo estas neapelaciebla.

Pasas jarcentoj: Navarra kaj Bearn estis iam memstaraj regnoj; hodiaŭ, membroj de potencaj Ŝtatoj. Kun tiuj-ĉi, ili trapasis militadojn, revoluciojn, diktaturojn; ili estis laŭtempe absolutaj monarĥioj, konstituciaj regnoj, respublikoj... Sed, ĉu la landoj vivas pace aŭ milite, ĉu ilin regas tiuj aŭ aliaj ŝtatestroj, ĉiuokaze la 13-an de julio, la Pireneoj, atestantoj de la pasinteco, reeĥas la allogajn, ritajn frazojn de la tribovina tributo:

Pax avant! (Paco antaŭen!).

A. N. D.

# NIAJ GRUPOJ

## ALICANTE

*Tago de Zamenhof*

La esperantista Grupo de Alicante, same kiel tiuj de aliaj hispanaj urboj, celebris la tagon de Zamenhof.

La 19-an de decembro kolektiĝis ĉirkaŭ tridek esperantistoj de Alicante kaj de ĝia provinco por komuna vespermanĝo. La bankedo okazis en luksa restoracio, kie renkontiĝis novaj kaj malnovaj esperantistoj por trakti pri la ĝeneralaj problemoj de Esperanto, kaj pri la agado por sukcesigi la proksiman Hispanan Kongreson en Alicante. Je la fino, S-ro. Canet Marín, Prezidanto de nia Grupo kaj de la L.K.K. de la 31ª Hispana Kongreso, parolis pri la datreveno kaj trafe glosis la strofojn de "La Espero" per entuziasmaj frazoj. Li profitis la okazon por peti al la ĉeestantoj ilian kunlaboradon por la sukceso de la Kongreso okazonta en nia urbo. Por fini oni kantis entuziasme nian karan himnon, kaj ĉiuj promesis partopreni denove en Zamenhof-tagon proksiman.

M. CAZORLA

---

A la vista del éxito logrado por el Curso de Esperanto que organizó el Grupo Esperantista de Alicante, bajo los auspicios de Educación y Descanso y bajo la dirección, como profesor de don Fernando Bayo, este Grupo esperantista ha organizado dos cursos simultáneos que dieron comienzo el día 17 de febrero. En el primero de estos cursos se integran los alumnos que desean iniciar sus estudios de Esperanto y que por diversas circunstancias no pudieron asistir al curso que terminó recientemente. Y en un segundo curso, se desarrollarán clases superiores para los alumnos que ya completaron el curso elemental de Esperanto.

El Grupo Esperantista de Alicante tiene en proyecto la organización de diversos actos culturales y recreativos, así como excursiones a distintos puntos de la provincia, que sirvan de aliciente a sus asociados y sirvan al mismo tiempo de vehículo de propaganda de nuestro ideal Esperantista.

## LA LAGUNA

*Esperantista vivo en Tenerifo*

Dum 1970 ne okazis aparte gravaj eventoj en la esperantista kolektiveto de Tenerifo. Tamen estas menciinde, ke inter la samideanoj, kiuj vizitis la insulon, troviĝis D-ro José Roberto Vivas, iama konsulo de Venezuelo en Tenerifo kaj unua prezidanto, dum la organiza periodo, de la Esperantista Societo de Tenerifo. Okaze de lia vizito, en decembro kaj koincide kun la Zamenhof-festo la 15-an de tiu monato, kunvenis grupeto de lokaj geesperantistoj, en bela centra restoracio de la insula ĉefurbo, por lin omaĝi, post 14-jara foresto, en la kadro de tiu festotago. Dank' al bela ŝanco, inter la partoprenintoj troviĝis ĉiuj prezidintoj, kun la nuna prezidanto, de la Esperantista Societo de Tenerifo, unu el kiuj, D-ro J. Régulo, Prof. en la Universitato de La Laguna, per amikaj vortoj dediĉis la omaĝon. D-ro Vivas tre afable kaj simpatie dankis, kun promeso reveni, post du pliaj jaroj, por pasigi tempeton en la samideana etoso de Tenerifo.

---

La 20-an de decembro 1970 la Esperantista Societo de Tenerifo, kun sidejo en La Laguna, okazigis sian ĝeneralan kunvenon. Tiu ĉi kunveno, aldone al la plenumo de la laŭstatutaj oficialaĵoj, havis kiel ĉefan eron la montron de tri filmoj de la firmo FIAT, klarigitaj en Esperanto, kiuj tre plaĉis al ia spektantoj, same pro la gravo de la temoj prezentitaj kiel pro la bela lingvaĵo.

Dum la jarkunveno estis elektita duono de la estraro de la Esperantista Societo. La rezultinta estraro por 1971 havas jenan konsiston:

Honora Prezidanto: Juan Régulo Pérez.
Prezidanto: Antonio Ferrer Hervás.
Sekretario: Ana Régulo Rodríguez.
Kasisto: Angel Pombrol Hernández.
Bibliotekisto: Antonio Suárez Rodríguez.
1.ª Voĉdonanto: Nicolás Pérez Alvarez.
2.ª Voĉdonanto: José Juan Déniz García.
3.ª Voĉdonanto: Manuel Luis Dorta.
4.ª Voĉdonanto: José González Fontes.

## SABADELL

*Centro de Esperanto Sabadell. Ĝenerala kaj Eksterordinara Kunsidoj 1971*

Komenciĝis la Generala Kunsido sub la prezido de la Vicprezidanto Sro. Liberto Puig, pro foresto de la Prezidanto, kiu siavice sendis leteron per kiu li eksponis la motivojn pro kiuj li ne povas ĉeesti kio devigis lin rezigni la prezidantecon.

Post la legado kaj aprobo de la antaŭa akto, la subskribinto parole analizis la realigitan kaj ne realigitan laboron dum la jaro 1970.

Sekve oni prezentis la financan situacion.

Kaj el inter aliaj, oni aprobis la jenajn rezoluciojn.

Atenti kiel eble plej multe la propagandon.

Ampleksigi nian lokan perkorespondan kurson.

Organizi kvar publikajn aranĝojn, unu el ili kun internacia kategorio dum 1971.

La buĝeton por 1971 kaj diversajn financajn aferojn.

Specialan mencion oni dediĉis al nia decido, gastigi eksterlandajn samideanojn.

Fine, sekvis la Eksterordinara Kunsido, kun la nura punkto en la tagordo. Renovigo parta de la Estraro, kiu formiĝis jene:

Prezidanto: Sro. Liberto Puig Gandía.
Vicprezidanto: Sro. Santiago Torné Grau.
Sekretario: Sro. Luis Serrano Pérez.
Vicsekretario: Fino. Montserrat Parera Doménech.
Kasisto: Sro. Martín Armengol Llobet.
Kontisto: Sro. Jaime Armengol Doménech.
1.ª Voĉdonanto: Fino. Magda Clerch Daunis.
2.ª Voĉdonanto: Sro. Sebastián Ribes Galderola.
3.ª Voĉdonanto: Sro. Pedro Cuberons Verneda.
4.ª Voĉdonanto: Sro. Pedro Soler Miró.

LUIS SERRANO PEREZ
*Sekretario*

## VALLADOLID

*Ĝenerala Kunsido de "Fido kaj Espero"*

La dimanĉon 14-an de februaro, okazis en la sidejo de la Esperanto-Grupo "Fido kaj Espero" la jara Generala Kunsido, kiun prezidis ĝia Prezidanto, kaj H.E.F.-estrarano, Sro. Angel Díez. Antaŭ ol eniri en la tagordon, Sro. Díez diris kelkajn vortojn, emfazante la problemojn kiujn vivis la Grupo pasintjare, ĉefe mankon de ĉeesto, kaj kuraĝigis ĉiujn veni al la sidejo plej ofte. Ankaŭ la Grupprezidanto invitis la ĉeestantojn partopreni en la XXXIª Hispana Esperanto-Kongreso okazonta en Alicante.

Post la vortoj de Sro. Díez komenciĝis la kunsido. Sro. Martín Herrero, Sekretario de la Grupo, legis la akton de la pasinta Generala Kunsido kaj la raporton pri la agado dum 1970. Ambaŭ estis unuanime aprobitaj.

Ankaŭ unuanime la ĉeestantoj aprobis la kontojn de 1970 kaj la buĝeton por la nuna jaro.

Por tiu-ĉi jaro estis elektita la jena Estraro:

Prezidanto: Sro. Angel Díez García.
Vicprezidanto: Sro. Antonio Gamboa y Sánchez.
Sekretario: Sro. Luis Martín Herrero.
Vicsekretario: Sro. Luis Hernández García.
Kasistino: Fino. Carmen Conde Labajo.
Kontisto: Sro. Gonzalo Castañón Marcos.
Bibliotekisto: Sro. Germán San José Rodríguez.
Voĉdonanto: Fino. Clementina Tranque Iglesias.
Voĉdonanto: Sro. Carlos Castañón Adalia.
Voĉdonanto: Sro. Mauro López Nalda.

Fine, pluraj ĉeestantoj faris diversajn sugestojn: praktikan kurson de Esperanto, esperantlingvajn paroladetojn, k.t.p., por vigligi la vivon de la Grupo.

L. HERNANDEZ

## ZARAGOZA

La 7-an de februaro okazis la Generala Kunsido de "Frateco"; ĝin prezidis ĝia Prezidanto Dro. Miguel Sancho Izquierdo.

Post la plenumo de la laŭstatutaj oficialaĵoj, oni pritraktis la konsiston de la nova estraro. Car ĉiuj estraranoj, kiuj devis ĉesi estis unuanime reelektitaj, la estraro por la jaro 1971 konsistos el samaj personoj kiel tiu por pasintjare.

---

## FONDUSO ESPERANTO

### KONKURSO

La Patronaro de la Fonduso ESPERANTO decidis dum kunsido okazinta la 23-an de januaro 1971-a organizi konkurson por traduki la *UNUAN* ĉapitron de la verko "Pueblos", titolita "La Fiesta", de la fama verkisto Azorín (José Martín Ruiz).

Estos du premioj:

1.ª — Premio Fonduso ESPERANTO, 2.000 pesetoj, kun konfirma diplomo.

2.ª — Premio Sancho-Rebullida, 1.500 pesetoj, kun konfirma diplomo.

### REGULARO

1) La konkursantoj devas esti membroj de Hispana Esperanto-Federacio.
2) Oni sendu po kvar ekzemplerojn de la tradukoj tajpitajn laŭ duoblaj interlinioj.
3) La konkursaĵoj devos esti subskribitaj per pseŭdonimo por kaŝi la identecon de la konkursanto, kaj en aparta koverto, sur kiu devos esti skribita la identiga pseŭdonimo, oni sendu la nomon kaj la adreson.
4) Kiam publikiĝos la Verdikto, publikiĝos samtempe la nomoj de la juĝintoj.
5) La dat-limo por sendi la konkursaĵojn estos la 15-a de oktobro 1971-a.

Kun la indiko: "Por la Konkurso de Fonduso ESPERANTO", oni sendu la tekstojn al: F-ino Inés Gastón, Sekretariino. Paseo Marina Moreno, 35, 4.º dcha., Zaragoza.

La Verdikto publikiĝos okaze de la Tago de Zamenhof, la 15-an de decembro 1971-a.

Zaragoza la 3-an de marto de 1971.

INES GASTON
Sekretariino de la Fonduso
ESPERANTO kaj de la Konkurso

Ni ne aperigas en BOLETIN la tradukotan originalon, ĉar ĝi estas facile trovebla.

---

## DONATIVOS PARA BOLETIN - 1971

| | | |
|---|---|---|
| *Suma anterior* | 1.054 | ptas. |
| S. Manrique (Barcelona) | 50 | » |
| A. Lapuerta (Zaragoza) | 26 | » |
| Familia Criach (Sabadell) | 1.000 | » |
| V. Ortiz (Zaragoza) | 150 | » |
| Ernesto Hurtado (Valencia) | 100 | » |
| *Total* | 2.380 | » |

Listo de libroj donacitaj al la Biblioteko de H.E.F., de Sroj. Rafael Fiol kaj Carlos Martínez de Sevilla.

*Romanoj, noveloj, rakontoj*

AVENTUROJ DE ALICIO EN MIRLANDO, L. Carroll (E. L. Kearny), 1910.
ADELE KAMM, Seippel (Saussure), 1915.
ALEGORIOJ EN LA NATURO, M. Gatty (Gego), 1913.
AKVO DORMANTA, L. Biart (Lotus), 1907.
ALADIN AŬ LA MIRINDA LAMPO, G. Cox.
AVENTUROJ DE LA LASTA ABENCERAGO, Chateaubriand (R. Deshays), 1907.
ANJO, Turguenev (A. Fiŝer, V. Zamjatin), 1910.
ALI BABA KAJ LA 40 RABISTOJ, G. Cox.
AVENTUROJ DE LA KALIFO HARUN ALRAŜID, G. Cox.
AL MIA FRATINETO, F. Ortt (A. Muller), 1912.
BATALO DE L' VIVO, LA, Dickens (L. L. Zamenhof), 1908.
BONHUMORAJ RAKONTOJ, J. Korczak (Anna Weinstein), 1927.
BARDELL KONTRAŬ PICKWICK, Dickens (W. Morrison), 1907.
BUKEDO, Zanoni, 1923.
BUKEDO, Ch. Lambert, 1908.
ĈE LA PIEDOJ DE LA MAJSTRO, Alcyone (W. W. Mann), 1913.
ĈU LI?, D-ro Vallienne, 1908.
DIVERSAĴOJ, J. Lemaitre, J. H. Rosny, G. Auriol (F. Lallemant, L. Beau), 1906.
DU JUNAJ FRAŬLINOJ kaj KORNELINO, Cervantes (Mangada).
DANCU, MARIONETOJ!, J. Baghy.
DON KIĤOTO DE LA MANCHA (antaŭparolo), Cervantes (Mangada), 1927.
DU RAKONTOJ: La Blanka Kastelo, Esperantista Hotelo, D. Rothau, 1906.
ESPERANTAJ PROZAĴOJ, J. Avelar, L. de Beaufront kaj aliaj, 1907.
EN SVISLANDO, Kvin rakontoj. Trad. E. Ramo, 1908.
EN MALLIBEREJO, E. Ĉirikov (Kabe) kaj DOMO DE LA KOBOLDO, LA, Rafael de San Millán.
ELEKTITAJ FABELOJ, Grimm (Kabe), 1906.
EN LA MONTOJ, A. E. Styler, 1913.
EN HARMONIO KUN LA ETERNECO, R. Trine (F. Skeel-Giörling), 1911.
ESTU HOMO!, Wagner (Sam. Meyer), 1912.
EN LA LANDO DE LA BLANKA MONTO, L. H. Sordot (D-ro Noël), 1913.
ELEKTITAJ FABLOJ, La Fontaine (G. Vaillant), 1904.
FARAONO, LA, B. Prus (Kabe) tri volumoj, 1907, 1912.
FERDINANDO VI KAJ FARINELLI, J. Mangada, 1921.
FABIOLA, Wiseman (E. Ramo), 1928, 2.ª eldono.
FABLOJ DE KRILOV, trad. V. N. Devjatnin.
FUNDO DE L' MIZERO, LA, W. Sieroszewski (Kabe).
FUNEBRA PAROLADO, Bossuet (L. Bastien), 1911.
GIL BLAS DE SANTILLANA, Lesage (Busquet), 1912.
GRASA LIGNAĴISTO, (G. Chavet), 1906.
GULIVER EN LILIPUTLANDO (mallongigo), Swift (M. Inman).
JOZEF KAJ LA EDZINO DE POTIFAR, Bulthuis, 1926.
INTERROMPITA KANTO, Orzeszko (Kabe), 1908, 2.ª eldono.
KANTO DE TRIUMFANTA AMO, Turgenev (A. Fiŝer), 1908.
KOLORIGISTO AERVETURANTO, LA, Godineau (Grupo Esp. de Monako), 1906.
KASTELO DE PRELONGO, D-ro Vallienne, 1907.
KARAVANO, LA, Hauff (Eggleton), 1910.
KAŬKAZA KAPTITO, LA, Tolstoj (f-ino A. N. Ŝarapova), 1911.
KIO POVAS OKAZI, SE ONI DONACAS SURPRIZE, F. Reuter (E. Cefeĉ), 1908.
KALENDARO, LA, L. Pal, 1907.
KOLOMBA PREMIO, LA, A. Dumas (B. Papot), 1909.
KVERKO KAJ FLORO, Amicis (Rosa Junek), 1906.
LIBRO DE L' HUMORAĴO, P. de Lengyel, 1908.
LANDOJ DE L' FANTAZIO, Teo Jung, 1927.
LITADMONOJ DE S-INO KODEL, D. Jerrold (J. Robbie).
LIBRETO PRI TRANSMORTA VIVO, G. T. Fechner (P. Kadik), 1907.
LAŬROJ, "La Revuo", 1908.

LASTA, LA, W. Rwymont (Kabe), 1910.
MARTA, E. Orzezsko (L. L. Zamenhof), 1910.
MATEO FALCONE, P. Merimee (J. Borel), 1926.
MANON LESCAUT, Prévost (D-ro Vallienne), 1908.
MALLUMAJOJ, A. Arpad (L. Pal), 1906.
MOPSO DE LIA ONKLO, LA, R. M. Chase, 1909.
MALNOVAJ PAĜOJ EL LINGVO INTERNACIA. Unua serio 1896, 1908.
MAJA NOKTO AŬ LA DRONINTINO, Gogol (R. Frankel), 1911.
NOVA SENTO, Tagulo, 1915.
NIĈJO MENSOGULO, Brateŝcu-Voinesti (T. Morariu), 1927.
NOVJARA DONACO DE MINISTRO, LA, S. L., 1905.
NE DEZIRITAJ, NI VIRINOJ, J. van Woude (M. Posenaer), 1909.
NAŬ RAKONTOJ, Tolstoj (Anna Ŝaparov, N. Kabanov).
ORIENTA ALMANAKO. Pecoj el la araba, armena, ĉeĉena, hebrea. 1913.
ONI RIDAS, Otto Rieck, 1922.
PAĜOJ EL LA FLANDRA LITERATURO, trad. M. Seynaeve kaj R. Melckebecke, 1904.
PATROJ KAJ FILOJ, Turgenev (Kabe), 1909.
PRINCO SEREBRJANJ, Tolstoj (S-ino M. Ŝidlovskaja), 1912.
PUNTISTINO, LA, E. Nodot (C. Royer), 1909.
PREMIITO, LA, H. S. Hall, 1913.
PORTRETO, Gogol (Fiŝer), 1911.
PRINCO VANC, Putnam-Bates (H. Harris), 1914
PERFEKTA EDZINO, LA, Luis de León (A. Jiménez-Loira), 1909.
PAULO DEBENHAM, H. A., Luyken.
PROGRESADO DE LA PILGRIMANTO, Bunjan (S. Rhodes).
PARIZINA, Lord Byron (V. da Silva), 1912.
PUTO KAJ LA PENDOLO, LA, E. A. Poe (A. Pride), 1907.
ROMPANTOJ, F. Pujulá-Valles.
REĜO DE LA MONTOJ, LA, E. About (G. Moch), 1909.
RAKONTOJ PRI FEINOJ, Ch. Perraut (S-ino Sarpy), 1908.
RIKKE-TIKKE-TAK, H. Conscience (Maria Pasenaer), 1912.
RAKONTO KAJ AVENTURO, H. Hall kaj H. H. Barroll.
S-RO VENTO KAJ S-RO PLUVO, Musset (P. Champion), 1907.
STRANGA IDILIO, Bates (H. Harris).
SONĜO DE MAKARO, LA, Korolenko (M. Ŝidlovskaja), 1927.
SUB LA NEĜO, Porchat (Borel).
SUB LA MEZNOKTA SUNO, L. Wendell, 1910.
SALAJRO, Timkovskj (M. Aleksandrov), 1914.
SERĈADO POR LA ORA ŜAFLANO, LA, L. N. Hawthorne (Connor, Hayes), 1906.
SEP RIDOJ, L. Wendell.
SUPERFORTA AMBICIO, A. A. Saĥarov, 1913.
SHERLOCK HOLMES EN SERVO DE LA HISPANA TRONO.
TRAVIVAĴOJ DE RO-SO, S. Sharpe, 1913.
TAG-LIBRO DE VILAĜ-PEDELO, St. Blicher (Bulthuis), 1922.
TATTERLEY, HISTORIO DE MORTINTO, Gallon (A. Wilson), 1912.
TRI TRADUKOJ, M. Hellivell (Hellivell), 1911.
TRA LA LOKO ENSORĈITA, J. Ŝirjaev, 1913.
TRI ANGLOJ ALILANDE, J. Merchant, 1912.
TRI NOVELOJ, Puŝkin (A. Fiŝer), 1923.
TRI MORTOJ, Tolstoj (M. Ŝidlovskaja), 1911.
VIRINETO DE MARO, LA, Andersen (L. L. Zamenhof), 1907.
VIZIO DE LA POETO, LA, C. Silva (K. Eucharis).
VIZITO EN LA KARCERO, LA, E. Eckestein (Freericks).
VERKETOJ: Legolibreto, Borel; Fabeloj de Andersen, Skeel-Giörling; Bona sinjorino, Orzeszko (Kabe); Praktika frazaro, J. Borel; Amoro kaj Psiĥe, Apulejus (E. Pfeffer).
VOJAĜO INTERNE DE MIA ĈAMBRO, X. de Maistre (Sam. Meyer).
VOJO AL VERO, LA, S. Tomiĉ, 1910.
VERDAJ FAJREROJ, R. Frenkel, 1908, kaj Reĝlando de l' Rozoj, La, A. Houssaye (P. Champion), 1908.
VENDETTA, LA, H. de Balzac (M. Merckens), 1911.
VERSAĴOJ EN PROZO, Turgenev (Kabe), 1909.
UNU FOJON... M. Cases, 1909.

*Teatraĵoj*

AZPAZIO, A. Sojentoñovski (Leono Zamenhof), 1908.
AMA BILETO, M. Baluki (F. Ender), 1909.
ADVOKATO PATELIN, Brueys kaj Palaprat (M. J. Evrot), 1904.
ANGLA LINGVO SEN PROFESORO, T. Bernard (G. Moch).
AVARULO, LA, Moliere (Sam. Meyer).
BOKS KAJ KOKS, J. M. Morton (Ch. Stewart), 1907.
BOMBASTO FURIOZA, W. B. Rhodes (Ch. Stewart), 1911.
BENKOJ DE LA PROMENEJO, J. Jony (P. Corret), 1907, 2.ª eldono.
ĈIAMA KANTAĴO, LA, S. Rusiñol (A. Sabadell), 1910.
DON JUAN AŬ LA ŜTONA FESTENO, Moliere (E. Boirac).
DU BILETOJ, Florian (H. J. Bulthuis kaj L. Toucheboeuf).
EDZIĜO MALARANĜITA, V. Inglada, 1907.
EDZIĜO KONTRAŬVOLA, Moliere (V. Dufeutrel), 1905.
EN DANĜERO, R. Unterman, 1911.
FRENEZO, Pujulá-Valles, 1909.
GEORGE DANDIN, Moliere (L. L. Zamenhof), 1908.
GUSTAF VASA, R. Schmidt-Gotha, 1910.
GALATEO, F. van Suppé (S-ino A. Ŝefer), 1914.
GINEVRA. Edmond Privat.
HAMLETO, Shakespeare (L. L. Zamenhof), 1906.
IFIGENIO EN TAURIDO, Goethe (L. L. Zamenhof), 1908.
JULIO CEZAR, Shakespeare (D. H. Lambert), 1906.
KAATJE, P. Spaak (M. van der Biest), 1912.
KONVENAĴOJ, Bilibin (M. A. Aleksandrov), 1914.
KAMENA ANGULO, LA, H. T. Craven (Gego), 1913.
KARA PANJO, W. Gordon (Gego), 1911.
LIA LASTA ŜANCO, W. Bayle Bernard (Gego), 1915.
MAKBETO, Shakespeare (D. H. Lambert), 1908.
MISTEROJ DE AMO, Nadina Kolovrat, 1909.
MISTERO DE DOLORO, Adriá Gual (F. Pujulá-Vallés), 1909.
MAZEPA, J. Slowacki (A. Grabowski), 1912.
MANFRED, Lord Byron (V. da Silva), 1914.
MINNA DE BARNHELM, Lessing (A. Reinking), 1910.
MOCART KAJ SALJERI, Puŝkin (V. Lojko), 1907.
MALRIĈA EN SPIRITO, H. J. Bulthuis, 1923.
NEVO KIEL ONKLO, LA, Schiller (Ch. Stewart).
NESIA HEJMO, LA, J. Benavente (V. Inglada), 1909.
PARIO, A. Strindberg (B. Ström), 1908.
PATRECO, M. Wolf (M. kaj J. Wolf), 1913.
PROTESILAS KAJ LAODAMIA, S. Wyspianski (Leono Zamenhof), 1908.
PRO DIO, NE ESPERANTISTON!, Karl Minor, 1924.
REĜO JUDEA, LA, K. R. kaj A. Dombrowski, 1914.
RIKOLTADO DE LA PECOJ, LA, J. Sturĝis (C. Bicknell).
SOKRATO, Ch. Richet (J. Couteaux), 1914.
TRAGEDIO DE LA HOMO, LA, E. Madach (K. Kalocsay), 1924.
VENECIA KOMERCISTO, LA, Shakespeare (A. E. Wackrill), 1914.
VENTEGO, LA, Shakespeare (A. Motteau).

*Movado, lingvo, lerniloj*

ĈIAM, ĈIE, ĈION PRO ESPERANTO, 1912.
DEKA UNIV. KONGRESO DE ESP. Manlibro de la Kongresaro, París, 1914.
DU MIL NOVAJ VORTOJ, P. Boulet, 1909.
DEKKVARA BRITA ESP. KONGRESO, 1923.
DU PAROLADOJ. 1 Vivanta lingvo de vivanta popolo, 1909.
2 Pri la vivo de Esperanto, Privat, 1911.
EN RUSUJO PER ESPERANTO, A. Rivier, 1911.
ESPERANTAJ PRESLITEROJ.
ESPERANTA VORTFARADO LAU LA FUNDAMENTO, P. Fruictier, 1913.
ESPERANTA LEGOLIBRO, A. Friŝer, 1910.
ESPERANTA LEGOLIBRO, A. Friŝer, 1913.

ESPERANTO. Braille.
ESPERANTO DUM LA MILITO, C. O. de UEA, 1917.
ESPERANTA VERSFARADO KAJ RIMARO, J. Parisot, Th. Cart, 1909, 2.ª eldono.
FRAZARO, H. de Coppet, 1908.
GOLDENE BRIEFE. Familiaj leteroj en ses lingvoj. P. Sadler.
GRAMATICA ESP. RUSA, A. A. Caxapob, 1913.
HISTORIO KAJ TEORIO DE IDO, B. Kotzin, 1913.
JARLIBRO ESPERANTISTA HISPANA POR 1910.
HELPANTA TEMARO, J. Mangada, 1924.
KONDUKANTO DE INTERPAROLADO KAJ KORESPONDADO. A. Grabowski, 1904.
KONKORDANCO DE LA SENTENCOJ DE SALOMONO, Goago, 1910.
KONKORDANCO AL LA KRESTOMATIO, J. C. Connor, C. F. Hayes.
KOMERCAJ LETEROJ, P. Berthelot, Ch. Lambert, 1908, 3.ª eldono.
KOLEKTO DE FIGURAJOJ POR LA INSTRUADO DE LINGVOJ, 3 volumoj. Fridori.
KLIENTARO. Tria nomaro. Ĉekbanko esperantista, 1910.
LINGVAJ RESPONDOJ, L. L. Zamenhof, 1912, 2.ª eldono.
MUZIKA TERMINARO, F. de Ménil, 1908.
NAUA UNIV. KONGRESO DE ESP., 1913.
OFICIALA DOKUMENTARO DE LA KVINA KONGRESO UEA. París, 1914.
ORGANIKA STATUTARO, 1925.
PRI ESPERANTA LITERATURO, E. Privat, 1912.
PROVO PRI MARISTA TERMINARO, Rollet de l'Isle, 1908.
PROVO DE ESPERANTA NOMIGADO DE PERSONAJ NOMOJ. Esp. 10.072, 1907.
PRAKTIKA TERM-ŜLOSILO ESPERANTA, J. Mangada, 1916.
POPOLA FRAZLIBRO EN 30 LECIONOJ, R. Deshays, 1908.
POSKALENDARO POR LA KVINA, 1909.
POR KAJ KONTRAŬ ESPERANTO, D-ro Valliene.
PROVERBARO ESPERANTA, L. L. Zamenhof, 1910.
PRAKTIKA ESP. LERNOLIBRO POR ĈIUJ LANDOJ, J. Mangada, 1914.
RAPORTO IIIª IBERIA KONGRESO ESP., 1925.
SEPA UNIV. KONGRESO DE ESP., 1912.
RAPORTO VII HISPANA KONGRESO DE ESP., 1928.
TRIDEKSESA UNIV. KONGRESO DE ESP., 1951.
UNIVERSALA VORTARO DE LA LINGVO INTERNACIA ESP., L. L. Zamenhof, 1907.
UTILECO DE ESP. POR BLINDULOJ, Levi kaj aliaj, 1910.
VORTARO DE ESP. RIMOJ, J. Rhodes, 1905.

*Poezio, kantoj, muziko*

ALTA KANTO DE LA AMO, Teo Jung, 1926.
BRILAS L'ESPER'. vortoj kaj muziko de C. W. Reeve.
EL MODERNA HISPANA PARNASO, J. Mangada.
ENEIDO, Virgilio (D-ro Vallienne), 1910.
ESPERO, LA, por bando (30 muzikpaperoj kaj partituro de la bandestro).
EN LA MONDON, L. L. Zamenhof, muziko Ad. Ŝefer.
ESPERANTAJ KANTOJ LAŬ KONATAJ ARIOJ (kvin kantoj kun melodio).
ESPERO, LA, por ĥoro kun akompano de fortepiano.
ESPERANTAJ KANTOJ, 1915.
HIMNO AL ZAMENHOF, poemo kaj muziko de René Deshays.
HIMNARO, Butler, 1910.
HALKA, Wolski, S. Moniuszko (A. Grabowski), 1912.
IN MEMORIAM, Tennyson (A. E. Styler), 1914.
KATERINO, T. G. Ŝevĉenko (V. N. Devjatnin), 1912.
MIREILLE MIREJO, F. Mistral (P. Champion, D-ro Noël), 1909.
MI ADIAŬS VIN, L. Zamenhof, muziko de S. M. Burney.
POSTRIKOLTO, A. Grabowski, 1921.
POLA FOLKLORO KAJ POPOLKANTO, S. Grenkamp, 1934.
RONDO, LA, esperantista danco, R. Tudó kaj Prof. Botey, 1909.
TEKSTARO DE KONATAJ BRITAJ KANTOJ, A. D. Ŝefer.
VOJO, LA, L. L. Zamenhof, muziko de René Deshays.
VERSAJARO, J. Mangada.

*Religio*

DEKLARACIO PRI HOMARANISMO, L. L. Zamenhof.
DOGMARO PRI LA VIVO POR LA NOVA JERUSALEMO, LA, E. Swedenborg, 1908.
ESTAS DO EN KRISTANISMO IO VALORA? S-ino W. Searle.
EVANGELIO DE SANKTA MATEO, D-ro Martin Luther (W. R. Mielck, Fr. Stephan), 1906.
GRAVA SIGNIFO DE L' NOVA TESTAMENTO EN ESPERANTO, LA, Pastro A. J. Edmonds, 1913 kaj GRAVECO DE ESPERANTO POR LA BLINDULOJ, W. Phillimore, 1914.
KANTOJ DE SALOMONO, LA (J. H. Fred).
KREDO KAJ SCIO, D-ro P. Gruner (E. Ramo).
KVAR EVANGELIOJ KUNIGITAJ EN UNU RAKONTO, LA, Pastro R. Laisney, 1908.
NOVA TESTAMENTO, LA, 1912.
OFICIALA RESUMO DE LA TEOSOFIA DOKTRINO (H. Diou-Trouillon), 1912.
PSALMARO, LA, L. L. Zamenhof, 1908.
PREDIKANTO, LA, L. L. Zamenhof.
PRAKTIKO DE LA APUDESTO DE DIO, LA, Frato Laurenco (H. A. Luyken).
SENTENCOJ DE SALOMONO, L. L. Zamenhof, 1909.

*Miksita literaturo*

ANTAŬEN KUN KREDO! Literatura jarlibro de "Pola Esperantisto", 1911.
EN LA DOLOMITOJ, A. E. Styler, 1914.
ESPERANTA KRESTOMATIO, A. A. Saĥarov, 1915.
ESPERANTAJ PERLEROJ. Unua serio. Dua serio.
INTERNACIA KRESTOMATIETO. A. Ajspurit, 1912.
INTERNACIA KRESTOMATIO, Kabe, 1907.
KATALUNA ANTOLOGIO, J. Grau Casas, 1925.
KELKAJ VERKOJ: La malfeliĉuloj, Kozebue (L. Elb), 1908; Tie ĉi oni parolas Esperante, T. Williams (M. Henkel), 1908; La renkonto, Marie Henkel, 1908; La unuhora revfeliĉo, J. Benavente (Novejarque, Benet), 1914; Sinjoro Badin, Courteline (R. Beck, R. Jean), 1907; Mia liro, D-ro Leono Zamenhof, 1909; Nova antologio, A. Grabowski, 1909; Pri Cervantes kaj El Quijote, Madrida Esp.-Grupo, 1915; Kial ili estas famaj? G. Feydeau (F. Doré), 1907.
PLENA VERKARO, V. N. Devjatnin, 1906-11.
TREZORO DE LA SORĈISTOJ: Legendo pri la unua violono, J. J. Tharaud (F. Marechal); Vilhelmo Tell, A. Dumas (F. Marechal); La ensorĉigita ringo (F. Marechal); Ĉu Pumpilurbo havas pumpilon? F. Marechal, 1909.

*Ne fikciaj verkoj, eseoj, turismo*

AVILA, J. Mangada, 1920.
BRAZILIO, E. Backheuser, 1909. Parolado.
DEVENO DE LA HOMO, LA, P. J. (Du homaranoj), 1914.
ELEMENTA FOTOGRAFA OPTIKO, K. Verks, 1906.
GERMANA TURISTO, LA, Pastro Wetterlé, 1917. Parolado.
GVIDFOLIO TRA SEVILLA, 1912.
GVIDLIBRO TRA BAD REICHENHALL.
HIGIENO KAJ MORALO, Paul Good (A. Harreman), 1908.
ITALA MILITO, A. Salandra. Esp. traduko 1915.
INTER BLINDULOJ, E. Javal (S-ino J. Javal), 1907.
KONTRAKTO DE LA LIGO DE NACIOJ, trad. Eyquem, Grosjeam-Maupin, Page.
KRAKOW, 1912.
KIMRA KARAKTERO, LA, R. Pruys.
KIEL NI PLIBELIGOS LA VIVON. Saĝulo.
KARAKTERO, J. M. S. Luscius, 1914.
KURIOZA SUNHORLOĜO, S. Poljanski, 1909.
MALBONAJ FLANKOJ DE SPORTO, LA, Dr. J. Vilms (J. Vathkerl), 1921.
MONADOLOGIO, Leibnitz (E. Boirac).
NIA ĈIUTAGA PANO, W. W. Trainer, 1915.

PRI HISPANUJO KAJ ĜIAJ POPOLKANTOJ. Murcia. J. Mangada, 1923.
PRI LA HOMA RADIADO, E. Boirac, 1906.
PRI CERVANTES KAJ LIA FAMKONATA VERKO EL QUIJOTE. Madrida Esp. Grupo, 1915.
SIMPLA METODO DE AGRONOMIA PROFIT-KALKULO, A. Nippan, 1907.
TUTMONDAJ FAJRO-KUTIMOJ, H. W. Southcombe, 1905.
TEORIO PRI EVOLUCIO DE KONO, N. Kolovrat, 1909.
VOJAĜADO EN FINNLANDO, 1913.

*Publikaĵoj en la hispana lingvo*

PRONTUARIO DE ESPERANTO, J. Garzón Ruiz, 1909.
ESPERANTO AL ALCANCE DE TODOS, F. Soler Valls, 1910.
VOCABULARIO ESP.-ESPAÑOL, ESPAÑOL-ESP., Inglada Ors, A. Villanueva.
EL ESPERANTO AL ALCANCE DE TODOS, J. Mangada, 1911.
EL ESPERANTO AL ALCANCE DE TODOS, J. Mangada, 1916, 2.ª eldono.
ESPERANTO. Gramática. Ejercicios. Vocabulario. M. Caplliure, 1933.
TODO EL ESPERANTO. Clave.
REGLAMENTO DE LA FEDERACION ESPERANTISTA ANDALUZA, 1917.
*EL ESPERANTO COMO LENGUA AUXILIAR INTERNACIONAL. Informe a* Sociedad de Naciones, 1923.
CLAVE DE LOS TEMAS (CURSO PRACTICO DE ESPERANTO), Duyós, Inglada.
CENTRO CULTURAL DEL EJERCITO Y LA ARMADA. Programa, 1933.
LA PAZ UNIVERSAL O EL ESPERANTO, Boris Cejano, 1910.
LAS MODERNAS HUMANIDADES.
LA ESCUELA DE APRENDICES. Conferencias. 1916-17.
SALVEMOS A LOS NIÑOS, A. Bruschetti.
PROGRAMA DE LENGUA FRANCESA, R. Reyes, 1926.
INTERNACIONALISMO Y ESPERANTO. Conferencia. Paúl Linares, 1911.
QUE ES EL ESPERANTO?, Eld. Sociedad Española Esperantista.
TABLA CON 2.701 DISTANCIAS KILOMETRICAS POR CARRETERA, 1926.

*Publikaĵo franca-esperanta*

VOCABULAIRE TECHNIQUE ET TECHNOLOGIQUE FRANCAISE-ESPERANTO, Ch. Verax.

---

## ✱ Ni legis por vi...

*Kantoj kaj Romancoj*, de Heinrich Heine. El la germana verse tradukis Kalman Kalocsay kaj Gaston Waringhien. Kovrilo de J. Schaap. Eldonis "Stafeto", La Laguna, Tenerife. 380 paĝoj. *Formato 15 × 22 cm. Prezo: Tolbin*dita: 420 ptoj., Broŝurita: 336 ptoj.

Heinrich Heine ne bezonas prezenton al la beletr-amantoj de la tuta mondo. Liaj verkoj apartenas al la trezoro de la internacia literaturo, kaj lia spirito *samtempe tenera kaj acerba, romantika* kaj revolucia brilas kiel mult-faceta gemo.

Por tiuj esperantistoj hispanlingvaj, kiuj ne scipovas la germanan, *Kantoj kaj romancoj* estas rivela verko. En la hispana troveblas tradukoj de kelkaj prozaj verkoj de Heine, sed pri lia poezio ekzistas, krom *Atta Troll*, ne multaj aliaj redonoj, kaj ili ne spegulas la veran dimension de la poeto.

Ni devas fieri pri Esperanto, ĉar *Kantoj kaj romancoj* metas en niajn manojn, ne nur *la poeton* Heine, sed ankaŭ *la homon* Heine. Kaj ni devas senrezerve laŭdi la suverenan artismon de la genia paro Waringhien-Kalocsay, ĉar en sia rekreo traduka ili montriĝas eĉ pli brilaj kaj eminentaj ol en la atuta redono de *La floroj de l' malbono*. La fajna oro de la Heinaj poemoj perdas nenian glimon, kiam Kalocsay-Waringhien ĝusta-doze kaj abund-inspire ŝutas ĝin en ĉiun linion de sia Esperanta versio. La lingvo fluas nature, fidela al la senco kaj esenco, al la etoso kaj patoso de la liriko de la germana aŭtoro. La tradukintoj redonis en Esperanton eĉ la specialan pragermanan akcentonombran metrikon, kiun Heine uzis plurfoje, kaj kiun oreloj kutimiĝintaj al la hispana sentas apenaŭ harmonia.

La eksterordinara koncizo de la lingvo kaj stilo de Heine puŝis kelk-okaze la tradukintojn elekti skemojn diferencajn de la originalaj, kaj tio vidiĝas ekzemple en *La pilgrimo al Kevlaar*. Sed ili klarigas: "Tiajn foroferojn ni reduktis je la minimumo... kiam trudiĝis al ni elekto inter fideleco al la originala skemo kaj komprenebleco de la traduko, ni senhezite elektis tiun ĉi lastan".

Estas tamen notinde, ke Waringhien-Kalocsay pro malŝato al la asonanco falsas la rimon de la romanco *Doña Klara* (paĝo 98) kaj elturnas ian mirigan hibridon. En la germana originalo, Heine perfekte imitas la formon de la klasika hispana romanco, kun la sola modifo, ke ankaŭ li kvartrokeas ĝin! Per la vokal-kombino O-E li asonancas ĉiujn 44 parajn versojn de la peco:

In dem abendlichen Garten
Wandelt des Alkalden Tochter;
Pauken und Trompetenjubel
Klingt herunter von dem Schlosse.
"Lästig werden mir die Tänze
Und die süssen Schmeichelworte,
Und die Ritter, die so zierlich
Mich vergleichen mit der Sonne.

Nu, Kalocsay-Waringhien konservas en ĉiuj paraj versoj asonanc-maniere la saman antaŭlastan vokalon O, sed la lasta vokalo de tiuj paraj versoj rimiĝas, en ĉiu kvaro, per puraj rimoj aŭ per rimoidoj. Kio okazas? En la veraj romancoj la insista sono de la akcentita sama vokalo draste elstaras kaj donas al la versaĵo ties apartan aromon. Sed en la hibrido de Waringhien-Kalocsay, la pli forta penetro de la puraj rimoj kaj rimoidoj tute sufokas la son-efekton de la pseŭd-asonanca vokalo kaj nuligas ties ekzisto-pravon. *Doña Klara* en Esperanto, cetere belega, impresas kiel rozario el divers-koloraj bidoj, sed tute ne spegulas la efekton de la originalo: la blokan unupececon, la sugestian son-ripeton, kiuj karakterizas la hispanan romancon.

Per ĉi tiu pure teknika konsidero, mi ne volas depreni eĉ ereton de la meritego, kiun la giganta, konscienca laboro de nia fama duo gajnis por ili. Ja *Kantoj kaj romancoj* estas vera monumento de nia traduk-arto, modelo de nuancita, esprimiva, natura, suka Esperanto.

Kaj fine sed ne laste ni danku ankoraŭfoje al "Stafeto" pro ĝia senkompara agado por la bono de la Esperanta kulturo en ĉiuj kampoj. La eldono de *Kantoj kaj romancoj* en superba aranĝo arta kaj tipografia pruvas denove, ke la volumoj de "Stafeto" estas juveloj laŭ enhavo kaj laŭ aspekto.

*Nokto da timo kaj aliaj noveloj*, originale verkitaj de Bertram Potts. Kovrilo de C. Farrant. Eldonis Dansk Esperanto-Forlag, Abyhoj, Danlando. 80 paĝoj. Formato 14 × 21 cm. Prezo: 100 ptoj.

Oni ne serĉu seriozan, cerbumigan literaturon en ĉi tiu trio da noveloj. Ŝajnas, ke Dansk Esperanto-Forlag specialiĝas en la eldono de senpretendaj verkoj, kiuj tamen bone plenumas la ne malgravan funkcion distri la leganton.

Ĉi tiun meriton altgrade posedas la libro de s-ro Bertram Potts. Sed krome *Nokto da timo kaj aliaj noveloj* elstaras pro sia bela Esperanto plena de trafaj parolturnoj kaj sukaj esprimoj imitindaj, iel memorigantaj la stilon de la cetere neimitebla Raymond Schwartz. Jen bukedo da ili: *harlanĝa saviĝo, aŭdiĝis la ŝov-ŝov de piedoj, gustotenta frandaĵo, lia elstara gorĝopomo saltetadis kiel pilko en foira fontano, langoskurĝe elpeli la entrudulojn, Bard rejetis la rubon dise-mise en la budeton...*

La libro do legiĝas kun duobla plezuro, ĉar la intrigoj kaptas nian atenton kaj la lingvo nian intereson.

*Prezidento Ho Chi Minh (resuma biografio)*. Fremdlingva eldonejo. Hanojo, 1970. 154 paĝoj. Formato 13 × 19 cm.

En la antaŭparolo de ĉi tiu interesa verko aperas interalie: "la meritoj kaj la verkoj de Prezidento Ho Chi Minh estas senmezuraj, kiel alta ĉielo kaj vasta maro." La libro estas ne nur biografio de eminenta ŝtatestro, sed ankaŭ ekzalta panegiro, pasia kaj patosa kulto al homo, kiu nedubeble faris al si lokon en la monda historio kaj speciale en la historio de sia lando disŝirata de kruela kaj longa milito.

La konstanta majuskligo de la litero l en la pronomo li, kiam per ĝi oni aludas la antaŭ nelonge mortintan Prezidenton Ho Chi Minh, iom ŝokas niajn okcidentajn morojn.

*Unu jarcento de naciaj luktoj, 1847-1945.* Fremdlingva eldonejo, Hanojo, 1970. 224 paĝoj. Formato 13 × 19 cm.

La tabelo de la enhavo parolas per si mem: La perdo de la sendependeco. La starigo de la kolonia reĝimo (1897-1918). Ekonomiaj transformoj (1919-1929). De la ekonomia krizo ĝis la dua mondmilito (1930-1939). Vjetnamio dum la dua mondmilito (1939-1945). La fondiĝo de la Vjetnama Demokratia Respubliko (1945-1946).

La eventoplenaj jaroj de tiu epoko interpretiĝas en la libro, kiel oni certe atendas de la Hanojaj esperantistoj, laŭ la linioj de la revolucia dialektiko.

F. DE DIEGO

FOIRO DE MILANO. — Ni ricevis belajn afiŝojn eldonitajn en Esperanto per kiuj oni anoncas tiun gravan kaj interesan foiron. La afiŝoj tekstas jene: Foiro de Milano, 14-an - 25-an de aprilo 1971. Internacia Centro de la Interŝanĝoj.

LIBROSERVO
HISPANA ESPERANTO-FEDERACIO
ZARAGOZA

## RESUMEN DE CUENTAS DE LIBROSERVO DE H.E.F. - 1970

| | | |
|---|---|---|
| Cobrado de libros, etc ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 101.639,— | ptas. |
| Pagado de libros, etc. ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 80.316,— | " |
| *Beneficio* ... ... ... ... ... ... | 21.323,— | " |
| Gastos generales según nota presentada ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 1.309,— | " |
| *Beneficio líquido* . ... ... ... | 20.014,— | " |

---

## RESUMEN DE CUENTAS DE LIBROSERVO DE H.E.F.

| | | |
|---|---|---|
| Valor existente en libros en 27 de diciembre de 1969 ... ... ... | 35.166,— | ptas. |
| Ingresado en 1970 por venta de libros traídos de Valencia ... | 160,— | " |
| Beneficio líquido, año 1970 ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 20.014,— | " |
| *Valor existente en libros* . | 55.340,— | " |

Zaragoza, a 31 de diciembre de 1970.
INES GASTON

ELDONA FAKO
HISPANA ESPERANTO-FEDERACIO
ZARAGOZA

## RESUMEN DE CUENTAS DE LA ELDONA FAKO DE H.E.F. - 1970

| | | |
|---|---|---|
| Capital a amortizar . ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... | | 13.335,— ptas. |
| INGRESADO: | | |
| Venta material ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 9.890,— ptas. | |
| GASTADO: | | |
| Material diverso según facturas . ... ... | 1.227,— " | 8.663,— " |
| Capital a amortizar . ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... | | 4.672,— " |

Zaragoza, a 31 de diciembre de 1970.
INES GASTON

# COMENTARIO

Tres son las secciones de la Federación Española de Esperanto que yo dirijo: Libroservo, Eldona Fako, BOLETIN.

LIBROSERVO

Acerca del funcionamiento de Libroservo, no haría falta más comentario que las cuentas presentadas, si no fuera comentar la subida en los gastos con relación al año anterior debida a la subida del franqueo a partir del mes de junio.

Si alguna vez no se pudo cumplimentar algún pedido con la rapidez deseada, ello es debido a que no siempre coincide tener existencias de la obra solicitada, pero la buena voluntad de todos facilita la labor.

ELDONA FAKO

El resultado de la labor realizada por esta sección, no ha sido este año tan satisfactorio como era de suponer, y ello se refleja en las cuentas presentadas.

En mi comentario del pasado año os informaba del funcionamiento de la sección desde que se creó y del fin para que fue creada, aunque en realidad en varias ocasiones se había hablado de ello.

Yo esperaba, que al ver que nuestro objetivo iba convirtiéndose en realidad mediante la publicación de las tres obritas que llevamos editadas, vuestro apoyo sería más efectivo, tanto más, siendo que ese apoyo podía manifestarse con la adquisición de ejemplares de dichos libritos, pero incomprensiblemente mi esperanza ha fallado plenamente. Este año las ventas han sido menores que en anteriores años, dándose el caso de que la mayoría de ellas —los tres libritos—, se hayan vendido principalmente en el extranjero. Esto, nos produce satisfacción, porque es una prueba de que en Esperantujo aprecian el valor de nuestros autores y traductores, siendo lo único que nos anima a continuar en nuestra labor de exaltación de nuestros valores literarios y lingüísticos.

Esperemos que en el año que acaba de comenzar haya una reacción en los esperantistas españoles que haga se agoten las ediciones de los tres libritos.

BOLETIN

Como redactor-responsable de BOLETIN quiero manifestar mi agradecimiento a todos cuantos han colaborado en la revista, enviando artículos y, sobre todo, enviando información. BOLETIN, órgano de la Federación debe servir como lazo de unión entre los esperantistas, por tanto, toda noticia acerca de la actividad de nuestros Grupos es de gran interés para el movimiento.

En especial quiero dar públicamente las gracias a don Salvador Gumá, de Reus y don Fernando de Diego, de Zaragoza, por la gran ayuda que en todo momento me prestan para que la revista consiga el nivel deseado.

INES GASTON

---

## 56 Congreso Universal de Esperanto

Londres, 31/7 - 7/8, 1971

Viaje organizado por la Sección de Turismo de la Federación Española de Esperanto en colaboración con la Delegación de Viajes MELIA, en Zaragoza.

31 - 7 - 71

A mediodía, salida en avión de Barcelona a Londres.
Almuerzo a bordo.
Llegada a Londres, aproximadamente, a las cuatro de la tarde.
Cena y alojamiento en el Hotel.

1 - 8 - 71 al 6 - 8 - 71

Medias pensiones en el Hotel.

7 - 8 - 71

Desayuno en el Hotel.
A mediodía, salida en avión de Londres a París.
Almuerzo a bordo.
Llegada a París, aproximadamente, a las tres de la tarde.
Cena y alojamiento en el Hotel.

8 - 8 - 71 y 9 - 8 - 71

Medias pensiones en el Hotel.

10 - 8 - 71

Desayuno en el Hotel.
A mediodía, salida en avión de París a Barcelona.
Almuerzo a bordo.
Llegada a Barcelona, aproximadamente, a las tres de la tarde.

Informes e inscripción, en la Sección de Turismo de la Federación Española de Esperanto. Inés Gastón, Paseo Marina Moreno, 35, 4.º, Zaragoza.

No se precisan los horarios porque habría que reajustarlos cuando se publiquen los de verano.

## 56 UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

Okazonta en Londono de la 31ª, 7 ĝis la 7ª, 8, 1971

Sub la Alta Protektado de Lordurbestro de Londono Sir Peter Studd

Konstanta adreso: Nieuwe Binnenweg 176, Rotterdam - 3002, Nerderlando.

Unua Bulteno kaj Aliĝilo:

Kvarpaĝa, grandformata, ilustrita Unua Bulteno kaj samtempe la aliĝilo por Londono estas senpage riceveblaj ĉe la konstanta adreso de la Kongreso, ĉe la Kongresa peranto, S-ro Ramón Molera, Ĉefdelegito de U.E.A. en Hispanujo, str. Santa Joaquina 13, MOYA (Barcelona) kaj ĉe la Hispana Esperanto-Federacio.

## 13-a BARCELONO-PROVINCA ESPERANTISTA RENKONTIĜO

Okazonta en San Cugat del Vallés la 20-an de junio 1971

*Programo*

Akceptado de la partoprenantoj, en "La Unión Sancugatense", str. José Anselmo Clavé, 18.

Meso kun prediko, ambaŭ en Esperanto.

Ĝenerala fotografado.

Inaŭguro de strato Esperanto.

Vizito al la Monaĥejo.

Prelego.

Frateca kunmanĝado.

Kiel en pasintaj jaroj funkcios stando de Esperantaj libroj.

Oni intencas ankaŭ prezenti surstratan ekspozicion pri Esperanto.

## RENKONTO DE FRANCAJ KAJ HISPANAJ ESPERANTISTOJ ĈE ŜTONO SAN MARTIN

La 13-an de julio 1971, okaze de la festo aranĝita por la pago de la Tribovina Tributo

Ĉijare laŭ propono de la esperantistoj de Olorón (Francujo) la esperantistoj de ambaŭ flankoj de la Pirineo renkontiĝos en tiu bela loko de la Pirenea montaro; ĉu franca? ĉu hispana? ni povas diri de ambaŭ landoj, tial ke Ŝtono San Martín estas la ŝtonsignalo numero 262 en la limo inter ambaŭ landoj.

Pri la interesa aranĝo okazonta la 13-an de julio ĉe Ŝtono San Martín, amplekse informas nin, nia samideanino Amalia Núñez Dubús el Pamplona.

La Hispana Turisma Esperanto-Sekcio organizas ekskurson por partopreni la renkontiĝon kun niaj francaj samideanoj.

## INTERESA INFORMO POR FLORAMANTOJ

La Internacia Florekspozicio (Floralies Internationales) ĉijare okazonta en NANTES (23/4 - 6/5), havos konstantan Esperanto-interpretiston. Vi do povas sendi informpetojn en Esperanto al: Commissariat Général des Floralies Internationales, 44-NANTES Francujo.

La 2-an de majo la gesamideanoj povos viziti kune la ekspozicion post komuna tagmanĝo. Petu informojn ĉe: Nantes Esperanto, 13 Bd. de la Chaiviniere, 44-NANTES.

TIP C BOLOIX - REINA FABIOLA, 7 - ZARAGOZA

D. L. Z. - 375 - 63